14-a jaro. — N-ro 2 (156) FEBRUARO 1928.

# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

Fondita en 1908.

OFICIALA ORGANO DE LA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

Fondintoj : L. CHAMPY. Fr. SCHOOFS. Am. VAN DER BIEST-ANDELHOF. J. VAN LAERE. Oscar VAN SCHOOR.

Direktoro :
FRANS SCHOOFS, Kleine Hondstraat, 11
ANTVERPENO

Por la anoncoj oni sin turnu al :
H. PETIAU, St. Lievenslaan, 60, GENTO.

JARA ABONPREZO : Fr. 20,—
EKSTERLANDE : Belgoj 5.—

ANTVERPENO
1928

## OFICIALA INFORMA BULTENO

DE LA

## *20a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO*

ANTVERPENO 3-11 AŬG. 1928.

14a JARO N-ro 2 (156) FEBRUARO 1928.

# BELGA ESPERANTISTO

## MONATA REVUO

*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

Redakcia parto:
FRANS SCHOOFS
11, Kleine Hondstraat, Antwerpen
Telefono 543.74

Abonoj kaj Monsendoj:
FERN. MATHIEUX
94, Avenue Bel-Air, Uccle
Poŝtĉeko No 39984.

**Konstantaj kunlaborantoj:** M. JAUMOTTE, L. COGEN, W. DE SCHUTTER, S-ino L. FAES
H. PETIAU, F-ino R. SPIRA, F-ino J. VAN BOCKEL, J. VAN SCHOOR, H. VERMUYTEN.



## "LAUS ANTVERPIÆ"

**de Jozef Muls, Vic-konservisto de la Antverpena Muzeo de Belartoj.**




La plej imponega alrigardo en Antverpeno estas certe la Sankta Virgulino-Preĝejo, vidata tra la spaco kaj super la domovico de la Granda Placo, sur la timegantan ĉielprofundaĵon, kiu tie malfermiĝas. Tio estas eksterproporcia: la tegmentoj de la preĝejo, la du turoj, la alta pinto, la centra navkupolo, ĉio leviĝas super la homloĝejoj, kiuj malaperas en tiu superreganta apudesto.

Tra la ringo de domoj, kiuj estas kvazaŭ la muroj de ĉi tiu trankvile fermata katedralkvartalo, malsupreniĝas ĉiuflanke la mallarĝaj aleoj: Quinten Matsys-kaj Appelmanstrairejo (1), la Papstrateto kaj la Torfbrug, la Muelejstrato kaj la du mallarĝaj trairejoj de la Laktvendejo al la Tolaĵvendejo. Tiuj aleoj malsupreniĝas, ĉar la katedralo staras en profundaĵo, kvazaŭ ĝi per ĉiu potenco de ĝiaj sep navoj, ĝiaj tegmentoj kaj ĝiaj turoj la teron enpuŝis kaj enprofundigis.

(1) Quinten Matsys (1466-1530) fama Flandra pentristo. Appelmans, Jan kaj Petro, estis la du unuaj arĥitekturistoj de la preĝejo, de 1352 ĝis 1434.

Kaj vidu: triangula placo malfermiĝas inter la domaj muroj, kiujn oni kredus esti konstruitaj apoge ĉe la preĝejo. Novaj vicoj de malhelruĝaj «ŝtup-fasadoj» ekvidiĝas, kaj kiel sur ĉiu enfermata interna korto enstaras flanke la malnova akvoputo de Quinten Matsys (2), kun sia krono de nigraj feraj forĝitaj branĉoj kaj folioj kaj floroj.



La Granda Placo. Gildodomoj kaj Fontano Brabo.

En la fundo de ĉi tiu placo la tuta majesta fasado nun estas malkovrata kun la skulptita portalo kaj la alta centra navo inter la du turoj.

---

(2) La forĝita ornamaĵo de tiu puto estas farita laŭ la legendo de Quinten Matsys, antaŭ ol li forlasis la martelon por sin dediĉi al la pentrarto, laŭ la postulo de Sher Floris, je kies filino li deziris edziĝi.

el kiuj unu maldekstre supreniĝas en la miriga flugado de siaj la unu-sur-la-alia ekstariĝantaj malhelaj arkaĵoj kaj florornamitaj supregoj.

Vidata tra la profundeco de la mallarĝaj trairejoj sur la Placo, la katedralo tie staras kiel rokrifo. Oni tiam unue rimarkas la masegajn fundamentojn, el kiuj la turoj sin suprenĵetas. Kun ĝiaj kavoj kaj elstaraĵoj kaj la kavernoj de la portaloj ili estas ondegoŝaŭmo super la stratmaro sur kiu,dum jarcentoj okazas la senhelpa moviĝo de ruliĝantaj ĉaroj, de tiregantaj ĉevaloj kaj rapidegantaj homoj. Super tuta tiu svarmanta malgrandeco la unua turo penetras per sia superbele kronita kapo tra la nubojn. Ĝiaj ŝtonoj je la antaŭa flanko malheliĝis pro la jaroj. La pluvoj ilin krudigis. Ĝi portas pacience la sunardecon ĝis subiĝoj de la lastaj radioj kaj ĝis ĉio jam mallumiĝas en la stratoj.La ventoj kriegas tra ĝiaj puntaĵoj kaj nobelega krono. En la vespero kaj la nokto, kiam la fenestroj en la malaltaj domoj ĉirkaŭ la placeto eklumas flave kaj ruĝe, la turo iĝas iu kruda kaj nigra giganto, kiu malspritiĝinta sonĝas, tre alte supre en la malluma ĉielo, kaj de tempo al tempo, kiel freneziĝinta Reĝo Lear, kantas simplan kanteton, por si mem, trans la vasta nokta maro, super la tegmentoj.

Sed dum la grandaj festtagoj, kiam la suno gaje orumas la fasadpintojn kaj la placojn, kiam la popolo bruegas tra la stratoj, kiam el kupraj instrumentoj la muzik-marŝoj eksonegas ĉe la fenestrovitro, kiam ĉiuj flagoj elpendas kaj, en klaketantaj girlandoj brilas ruĝo kaj blanko kaj bluo kaj verdo kaj flavo de l'unu masto ĝis l'alia sur ĉiuj ŝipoj, laŭlonge la senfinaj Skeldokajoj, «Karolo» (3) tiam sonoregas per sia bronza, plena tono, tiam la turo fariĝas la ĉioreganta diktatoro,la bona tirano kaj ĝia brueganta sonorego, la voĉo de l'urbo mem, kiu zumegante alfrapegas kaj tratremegigas ĉiujn la ŝtonojn.

---

Por laŭdi Antverpenon oni povus paroli pri la kaŝata dometaro, kiu malfermiĝas malantaŭ malhela pordegeto kaj vin kondukas tra perfidemaj trairejoj sub trabplafonoj sur internajn kortetojn, montriĝantajn kiel elkavaĵojn sub ŝtonaj arkaĵoj, kiuj estas grotoj en kiuj fumantaj lumiletoj en malnovaj lanternoj antaŭ strangaj sanktulbildetoj, en kiuj mallumaj ŝtupoj malsupreniĝas en malvarmetaj keloj aŭ suprenvolviĝas al misteraj grenejoj; pri tiuj sennombraj kadukulejoj kun verdaj blankig-ĝardenetoj kaj malgrandaj malglate pavimitaj placetoj kie la malaltaj blankaj dometoj vice staras kun rondarkaĵaj verdaj pordegetoj kaj malgrand-vitraj fenestretoj; pri la Sankta Nikolao placo, tiu kamp-vilaĝa mirigo en la koro de la plej moderne vivanta kvartalo; blankaj, kvietaj ŝtup-fasadoj, malgranda, nigre polva preĝejeto, kun altaj, belaj ogivaj fenestroj kaj gracia pinto. kaj meze super la pum-

(3) La plej peza sonorilo, pezas 8000 kg., kaj estas nomita Carolus laŭ la nomo de sia baptopatro Karolo V.

pilkolono, antikva, pia sanktulo, kun sia mitro kaj mesvesto, klar-desegnita sur la ĉielo.

Oni ankaŭ povus ekatentigi pri la interna lukso de la malnovaj preĝejoj, kie tiuj mondoj de Rubens, Van Dyck, Jordaens (4), malfermiĝas antaŭ viaj okuloj, kie la Renesanco pendigis sian luks-pezan ornamaĵon de floroj kaj fruktoj,kie ĉefaltaroj staras kiel triumfarkaĵoj kun brustkolonoj kaj portikoj, super kiu flugado de anĝeloj kaj sanktuloj ŝvebiras kiel blanka nubo sur la oraj radi-faskoj de grandegaj aŭreoloj; kie staras ĉiu tiu riĉa skulptaĵaro, la muroj plenaj je grandaj parade vestitaj kaj flugilumitaj statuoj en brila antikva kverko kaj tiuj pompaj katedroj, de kiuj la malmola ligno fariĝis kreskado de arboj kaj foliaro, aŭ malsuprenpendas en la peze suprenirantaj faldoj de reĝaj baldakenoj; kie estas ankoraŭ honorataj kun siaj kronoj, altaj kiel tiaroj, la triflankaj «Niaj Patrinoj», briletantaj kaj lumaspergantaj pro la perloj kaj gemoj kaj kiuj dum la festtagoj en siaj reĝinmanteloj de peza brokato kaj ermeno estas elmontrataj kaj portataj tra la nefoj kun standardoj kaj torĉoj, tial ke ili ŝajnas ŝvebi super la kapoj, en malrapida irado kun treniĝantaj kortegvestoj kaj krono, meze de encensnuboj.

Oni ankoraŭ povus pritrakti la lastajn restaĵojn de tiuj gloraj internaj kortoj de la iamaj palacoj de Rubens, de Jordaens, kun portikoj, kolon-vicaro kaj paviljonoj ornamitaj per Rom-grekaj simboloj kaj abundaj florgirlandoj; pri la domo de Plantin (5), kie la salonegoj ankoraŭ tapetitaj per orledo kaj Gobelinoj (6), ŝajnas atendi la homojn, kiuj tie sin movis en la 17a jarcento; ke vi imagas ke sidas ankoraŭ la «korektistoj», kliniĝantaj super la grandaj folioj de la multlingva biblio, presita per ekskluziva «privilegio» de la reĝo de Hispanujo; kie Justus Lipsius ankoraŭ povus eksidi en sian ledkovritan seĝegon antaŭ la brila kverka tablo.

Ĉi tiu urbo estas amata kiel neniu alia: ĉar ĝi spite de ĉiuj aliformiĝoj de la tempoj estas kaj restas tiel virin-alloga, tiom longa ke ĝi tie kuŝadas kun siaj eternaj turoj, inter akvo kaj ĉielo en la brako de la Skeldo.

Ĝi estas bela
en la mateno, kiam ĝi estas starigita kiel ardezoblua silueto malantaŭ kiu la suno ekardas kaj ekflamas; fenestroj de domoj ne estas videblaj, nenio ol kaprica arabesko de Nordo al Sudo, rektaj linioj de tegmentoj, angulaj elstaraĵoj de kamenoj, kaj supre la pompo de la turoj; Sankta Paŭlo kaj la ondanta linio de sia fasadpinto, la mur-

(4) Mondfamaj Flandraj pentristoj. Rubens (1577), Van Dyck (1599-1651), Jordaens (1593-1678).

(5) La malnova domego kun laborejo kaj butiko de la ĉiekonata fama presisto Kristoforo Plantin (1514-1589). Nun muzeo.

(6) Murtapetoj, ĉu el lano aŭ silko ĉu el ambaŭ, kun enteksitaj kolorriĉaj figuroj kaj scenoj, nomataj laŭ la en la 15a jarcento en Parizo vivanta Gobelin.

dentoj kaj tegmentoj de la «Steen», de la Buĉistdomo (7), la fasadsupro de la urbdomo kun siaj agloj, Sankta Andreo kun luma aero inter la kolonoj de sia kupolo, kaj super ĉio alte kaj delikate la Sankta Virgulino-turo kiel malva ŝirmilo, tra kiu de sube ĝis supre eklumetas la


MUZEO PLANTIN-MORETUS : INTERNA KORTO

flavaj lumtruoj sed ekaperaĵo tiel nepreciza kaj dolĉa, io nebula, ĉielrebrilo kiu eksolviĝos en la trilanta gloro de la sun-tra-flamegata ĉielo, el kiu ondoj de lumo nebule fluegas trans la tegmentojn kaj en la Skeldo fajretigas grandajn lagetetojn de skvamiĝanta kaj blindiga oro.

(7) Historia kastelo, iama malliberejo, nun muzeo de antikvaĵoj. — Buĉistdomo: Halo de la buĉistoj (1501-1503) gotikstila, nun muzeo de art-industrio.

Tiu urbo estas bela,
en la vespero kaj en la nokto, kiam ĝi leviĝas super la ebenaĵo de la «Polders» (8) sur la viola kaj flava konko de ĝiaj por la lasta fojo lumigataj turoj kaj fasadoj, en kiuj la fenestroj ruĝe ardas kvazaŭ pro interna flamiĝo. Kiam ĝi ŝovas sin kun la kurbojn de la Skeldo en la perlamotajn malproksimaĵojn,kie akvo kaj ĉielo kunfandiĝas, kiam ekkomencas brileti la lumetoj de Austruweel ĝis Hoboken (9) kaj nombre kreskas ĝis nekalkulebla stelsvarmado, je diademo de briletantaj gemoj,kiuj respegulataj en la malluma riverego naskas en la profundaĵo novan lumentantan sorĉurbon de fajencaĵaro kaj metalbriloj, kvazaŭ la abismo malfermiĝis sur la longe perditaj juveloj de Palmyro.

Tiu urbo estas bela,
en la plena tago, kiam ĝi volviĝas la neŝanĝeblan panoramon de ĝiaj bluaj kaj ruĝaj tegmentoj, ĝiaj fasadoj, ĝiaj ruĝaj kaj grizaj turoj: kiam la katedralpinto ekstaras kiel grandega «majarbo» (10) kaj ĝiaj supregoj alte kaj gracile desegnitaj sur la ĉielo, leviĝas kiel vaksaj kandeloj kiuj estas, por disdoniĝo fiksitaj supre ĉe la arbo; kiam la blankaj nuboj transveturas sur ĝi de oriento al okcidento; per la blua ĉielo; kiam la ŝipoj, alte konstruitaj, moviĝas malrapide sur la akvoj de la Skeldo; kiam la feraj korpoj nigraj kaj ruĝaj, de la transmaraj vaporŝipoj estas ligataj laŭlonge de la senlimaj kaĵoj, kaj per siaj larĝaj kamentuboj, siaj brunaj mastoj kaj leviloj super la domtegmentoj elleviĝas, kiam ili suprenpuŝiĝas pro la ŝvelanta tajdo de la maro, kiu tiam enfluigas siajn akvojn per kirliĝintaj ondetoj.

Estas la eterna panoramo kiu, spite de la aliformiĝoj de sinsekvaj generacioj, ĉiam restis simila al si mem. Ĉar antaŭ tiuj samaj turoj luliĝis la hispanaj galjonoj, la portugalaj trimastŝipoj, la veneciaj karveloj, kun siaj sveliĝantaj blankaj kaj flavaj veloj, venis la militŝipoj de Anglujo, de Holando, de Francujo per siaj altaj markasteloj, plenaj je kanonoj kaj kuŝas nuntempe la transatlantikaj ŝipoj en glora kurbo de Nordo al Sudo, kvazaŭ en ora korno.

**El la Flandra trad. Hector Vermuyten,**
**(Antverpeno.)**




(8) Polders: Flandra regiono-fruktodonaj teroj ĉirkaŭitaj de digoj.
(9) Laŭlonge de la rodo.

# INFORMA BULTENO N° 2

INFORMA BULTENO No 1: enhavas diversajn administrajn informojn. Vidu paĝon 4.

KOTIZO: 35 Belgojn. — Kongresanoj, kiuj alkondukas sia(j)n infanojn ne pli aĝajn ol 14 jaroj, pagas por ili nur po 5 Belgoj.

PAGOJ: Ni tre insistas, por ke oni kiel eble plej multe pagu per poŝtĉeka servo aŭ per poŝtmandato. (Vidu Bultenon No 1.)

KONGRESMARKO. KONGRESPOŜTKARTO : Ni faras alvokon al ĉiuj samideanoj (precipe al tiuj,kiuj ne ĉeestos la kongreson) por ke ili propagandu por nia mondfesto aĉetante kaj dissendante la reklammarkojn kaj poŝtkartojn. Naciaj societoj kaj lokaj grupoj entreprenu disvendon al siaj membroj!

DONACOJ: Ĝis nun ricevita sumo: bfr. 187.50 (Belgojn 37.50).

BLINDULA KASO: Ĝis nun ricevita sumo: bfr. 30 (Belgojn 6.00).

FAKAJ KUNSIDOJ: Anoncis sin por organizo de faka kunsido:

«Internacia Scienca Asocio Esperantista», aranĝanto: S-ro Rollet de l'Isle, ĝen. sekretario, 35, rue du Sommerard, Paris (5e).

«Tutmonda Esperanta Kuracista Asocio», aranĝanto: S-ro D-ro P. Kempeneers, ĝen. sekretario, 20, rue aux Laines, Bruselo.

Aliaj organizantoj ne prokrastu konigi siajn intencojn kaj dezirojn.

LOĜADO: Aparta mendilo estos dissendata kun la proksima numero de «Belga Esperantisto». Intertempe oni ne sendu mendojn nek monon por loĝado.

KONGRESINSIGNO: Ni memorigas pri nia internacia konkurso. Ni ne ankoraŭ ricevis la unuan projekton.

PASPORTVIZO: Ne bezonas pasporton por vojaĝi al Belgujo: la Francoj, la Nederlandanoj kaj la Luksemburganoj. Ili nur devas havi identeckarton.

Bezonas pasporton sed neniun vizon: la Britoj,Danoj, Hispanoj,Islandanoj, Italoj, Svedoj, Norvegoj, Svisoj, Kanadanoj, Kubanoj, Ĥinoj, Japanoj kaj la loĝantoj el okupata parto de Germanujo.

Ĉiuj aliaj nacianoj bezonas pasporton kun Belga vizo, pri kies kosto ili volu peti informojn ĉe la Belga konsulo de sia loko. Ni klopodas por akiri senpagan aŭ rabatprezan vizon por la kongresanoj el la koncernaj landoj.

INFORMPETOJ AL LA L. K. K. : Ne forgesu aldoni afrankon por la respondo. Ĉiam indiku sur ĉiu letero aŭ karto vian plenan adreson. La jam aliĝintaj samideanoj bonvolu meti sur ĉiu skribaĵo la numeron de sia kongreskarto provizora.

LITERATURA KONKURSO. — Ĝis nun ni ne ricevis unusolan temon nek premion.

RADIO. — La radio-amatoroj aŭskultu ĉiun lundon je 22 h. 15 (V. T.)

la stacion «Radio - Belgique» — ondlongeco 508.50),kiu sciigos la lastajn novaĵojn pri la kongreso.

OFICIALAJ KUNVENOJ. — Pri ĉio kio koncernas la tagordon de la oficialaj kunvenoj oni bonvolu senpere skribi al «Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado», 12, Boulevard du Théâtre, Genève (Svislando).

20 Februaro 1928. **Loka Organiza Komitato.**
**11, Kleine Hondstraat, Antverpeno.**

---

# 2a LISTO DE LA KONGRESANOJ

101. S-ro Baaten Wilhelmus, komercisto, del. U. E. A., Utrecht (Ned.).
102. S-ro Cozic Louis, inĝeniero, Vanves (Francujo).
103. S-ro D-ro Blassberg Maksimiljano, kuracisto, Krakovo (Polujo).
104. S-ro Newell Hugh Noël, medicina studento, Rochdale (Anglujo).
105. S-ro Loth Jerzy, profesoro, Varsovio (Polujo).
106. F-ino Obozinski Simone, Profesorino, Uccle-Bruselo (Belgujo).
107. F-ino Mourguiart Françoise, Bordeaux (Francujo).
108. S-ro Simmons Fred. W., Ŝtatoficisto, Preston (Anglujo).
109. S-ro D-ro Crowley Ralph H., kuracisto, Welwyn Garden City (Anglujo).
110. F-ino Terijn Julieto, instruistino, Gento (Belgujo).
111. F-ino Hödl Frederika, studentino, Wien (Aŭstrujo).
112. S-ro Pinck, Eugène, diamantisto, Antverpeno.
113. S-ino De Luyck, Antverpeno.
114. F-ino Truyens Maria, St-Niklaas (Belgujo).
115. F-ino Algoet Maria, St. Niklaas (Belgujo).
116. S-ro Minor Karl, jurnalisto, Hamburgo (Germanujo).
117. F-ino Mackenzie Annie, stenografistino, Glasgow (Skotlando).
118. S-ro van Leeuwen Herman, A., ĉefkonduktoro fervojo, Apeldoorn (Nederlando).
119. S-ino Kramers M. G., Apeldoorn (Nederlando).
120. F-ino Carter Winifred E., lernejestrino, Bradford (Anglujo).
121. F-ino Fairbairn Isabella C. B., instruistino, Sheffield (Anglujo).
122. S-ro Stevenson Robert, kemiisto analiza, Stevenston (Skotlando).
123. S-ro Wright Isaac H., inĝeniero, Birmingham (Anglujo).
124. Delegito - Shipbuilding Draughtsmen Association, Londono (Ang.)
125. F-ino Stechern Lia, sekretariino, Danzig (Libera Urbo).
126. F-ino Jennen Antoinette, lernejestrino, Bruselo (Belgujo).
127. S-ro Derks, Jos., entreprenisto, Bruselo (Belgujo).
128. S-ro Seghers, Eug., oficisto, Mortsel-Antverpeno.
129. S-ro Filott, J. J., direktoro de lernejo, Maastricht (Nederlando).
130. F-ino Macfarlane Agnes G., Glasgow (Skotlando).
131. S-ro Kather Wilhelm, instruisto, Hamburg (Germanujo).
132. S-ro Applebaum Jakob Davido, komercisto, Liverpool (Anglujo).


LA VOIX
DE SON MAITRE

133. S-ino Applebaum Klara, Liverpool (Anglujo).
134. S-ro Pattinson Thomas, Gateshead (Anglujo).
135. S-ro Merchant John, komercisto, Sharrow, Sheffield (Anglujo).
136. S-ino Merchant Alice M., Sharrow, Sheffield (Anglujo).
137. S-ro Bohun John H., aŭkciisto, Hastings (Anglujo).
138. S-ro Meek H. H., rentulo, Hastings (Anglujo).
139. S-ino Meek, Hastings (Anglujo).
140. S-ino Wildish, Hastings (Anglujo).
141. S-ro Knoll Karl, komercisto, Zittau (Germanujo).
142. S-ino Theodore Mary, Llanfair Caereinion (Kimrujo).
143. S-ro Solà Marian, farmaciisto, Terrassa (Hispanujo)
144. S-ro Thiébault Jules, publicisto, Carignan (Francujo).
145. S-ro Delanoue Georges, ĉefdelegito de U.E.A., Paris, (Francujo).
146. S-ino Staes - Vandervoorde Félicie, pens. lernejestrino, Bruselo
147. S-ro Casanovas Josep, profesoro, Gerona (Hispanujo).
148. S-ro Preedy, Geo L., kontisto, Reading (Anglujo).
149. S-ro Hayton Georges M., Bedford (Anglujo).
159. S-ino Wackrill Clara Faith, Londono (Anglujo).
151. F-ino Wackrill Ada S., Leamington Spa (Anglujo).
152. S-ro Churchill Lionel A., Farmaciisto, Derby (Anglujo).
153. S-ro Boatman Douglas Philips, okula optikisto, Southend - on - Sea (Anglujo).
154. S-ino Boatman Valerie, Southend-on-Sea (Anglujo).
155. S-ro Parrish Donald E., direktoro de fabrikejo, Buffalo (Usono).
156. S-ino Derry Ada, dom-mastrino, Birmingham (Anglujo).
157. F-ino Swan Anna Margaret, stenografistino, Bootle (Anglujo).
158. F-ino Allan Agnes, telefona operacianto, Liverpool (Anglujo).
159. S-ro Eckert Charles, horloĝisto, La Chaux-de-Fonds (Svislando).
160. S-ino Eckert Gabrielle, kudristino, La Chaux-de-Fonds (Svisl.)
161. F-ino Squire Emmeline, instruistino, West Hartlepool (Anglujo).
162. S-ro Paul H. Ramsey, instruisto, West Hartlepool (Anglujo).
163. S-ro Shackleton Thomas, elektra intendanto, West Hartlepool.
164. F-ino Shackleton Eleanor, fabrikeja intendantino, West Hartlepool
165. F-ino King Agnes M., eks-lernejestrino, West Hartlepool (Ang.)
166. F-ino King Catherine, robistino, West Hartlepool (Anglujo).
167. S-ro Rendle Harry, elektra inĝeniero, West Hartlepool (Ang.)
168. S-ino Rendle Lilly J., West Hartlepool (Anglujo).
169. F-ino Tate Norah E., instruistino, West Hartlepool (Anglujo).
170. S-ro Horseman Henry J., West Hartlepool (Anglujo).
171. S-ro Rodellar Emanuelo, kompostisto, repr. de «Barcelona Stelo», Barcelona (Hispanujo).
172. F-ino Aalders Anna W. F. L., poŝtistino, Rijssen (Nederlando).
173. F-ino Toepoel Margaretha E., instruistino, Zwolle (Nederlando).
174. S-ro Pairon Maurice, fervoj-oficisto, Mortsel (Belgujo).
175. F-ino Van Burink M. H., flegistino, Utrecht (Nederlando).

176. S-ro Gardner Cyril Walther, kontisto, Sheffield (Anglujo).
177. S-ino Dony Emily El., Luton (Anglujo).
178. S-ro Dony John R. G., metaltornisto, Luton (Anglujo).
179. S-ino Clayton William E., Londono (Anglujo).
180. S-ro Clayton William E., Londono (Anglujo).
181. S-ro Goodliffe, Will. E. F., makleristo asekura, Nottingham (Ang.)
182. S-ro Faes Auguste, muzikeldonisto, Antverpeno.
183. S-ino Faes - Janssens, Lucette, pianistino, Antverpeno.
184. S-ro Koerselman R., lernejestro, Voorst (Nederlando).
185. S-ro Barnier Léon, inĝeniero, Saarbrücken (Saarteritorio).
186. S-ro Roosdorp Johannes H., instruisto, Amsterdam (Nederlando).
187. S-ro Hub Franz, skulptisto-Eksportisto. Gablonz (Ĉehoslovakio).
188. S-ro Raŭh Albert, St. Gallen (Svislando).
189. S-ro Hunter George B., instruisto, Dunfermline (Skotlando).
190. S-ro Dr. Jug. Ellerbeck, Leopold, ministeria konsilisto, Berlino (Germanujo).
191. S-ro Mathieux Fernand, privata sekretario, Uccle (Belgujo).
192. S-ro Medrkiewicz Jan, medicinisto kaj bienposedanto, Lubin (Polujo).
193. S-ro Isbrücker J. R. G., inĝeniero, Den Haag (Nederlando).
194. S-ino Isbrücker Julia C., Den Haag (Nederlando).
195. S-ro Stewart Robert, instruisto, Glasgow (Skotlando).
196. S-ino Stewart Catherine B., Glasgow (Skotlando).
197. F-ino Morrison Annie, oficistino, Florida-Glasgow (Skotlando).
198. S-ro Blyweert Jean J., ilofaristo, Antverpeno.
199. S-ro Bluth Friedrich, kuracisto, Bad Neuenahr (Germanujo).
200. F-ino Grant Lili Scott, sekretariino, Londono (Anglujo).

## LAŬNACIA STATISTIKO DE LA ALIĜINTOJ

Angloj 58, Aŭstroj 2, Belgoj 50, Ĉehoslovakoj 4, Dano 1, Danzigano 1, Finlandano 1, Francoj 15, Germanoj 16, Hispanoj 5, Irlandanoj 3, Italoj 2, Kroatoj 3, Nederlandanoj 16, Perso 1, Poloj 5, Saarteritoriano 1, Skotoj 8, Svisoj 5, Usonanoj 3.

Entute: 200.

Nacioj reprezentataj: 20.

## ALVOKO AL LA ESPERANTISTOJ DE ANTVERPENOJ

La L. K. K. de la 20a Universala Kongreso petas la samideanojn de Antverpeno kaj ĉirkaŭaĵo, kiuj havas okazon por havigi en sia domo aŭ ĉe familianoj, amikoj aŭ najbaroj loĝadon al niaj alilandaj gastoj, ke ili kiel eble plej baldaŭ konigu al nia sekretariejo ĉiujn detalojn pri la proponataj loĝejoj: nombro de ĉambroj, nombro de litoj (unu- aŭ dupersonaj), prezoj, preciza adreso, ktp. L.K.K.

# KARAVANOJ AL LA KONGRESO

BRITA KARAVANO AL LA 20a KONGRESO. — La Britaj samideanoj jam luis specialan ŝipon por 350 kongresanoj. La karavano forlasos Londonon inter la 8a kaj 9a, je la 4 de Aŭgusto, kaj verŝajne alvenos en Antverpeno proksimume je la 7a.

KONGRESA KARAVANO DE RUDOLF MOSSE.

Ni jam publikigis la provizoran programon kaj la proksimumajn prezojn por nia karavano. Kiu ankoraŭ ne legis niajn informojn, bonvolu peti ilin de ni. Rilate al la konigitaj prezoj ni ripete rimarkigas, ke ili estas la maksimumaj laŭ la nunaj cirkonstancoj. Oni atentu, ke la prezoj de la kategorioj A kaj B enhavas ankaŭ la kongresan kotizon, la kostojn por la tuttaga ekskurso al Bruselo (kun tagmanĝo) kaj Mechelen, por la festeno en Antverpeno, la laŭlegan takson de 10 % kaj ĉiujn trinkmonojn en la hoteloj.

La definitivaj prezoj, kiujn ni konigos en Aprilo aŭ Majo, tre verŝajne estos malpli altaj; ili dependos de la nombro de aliĝoj, kiujn ni ricevis ĝis la 1a de Aprilo. Do ni insiste petas, ke la partoprenontoj de nia karavano anoncu sin kiel eble plej baldaŭ, almenaŭ provizore. Tio multe plifaciligos niajn preparajn laborojn kaj efikos favore al la definitivaj prezoj.

Jen la eŭropaj landoj, el kiuj povos aliĝi kongresanoj al nia karavano: Aŭstrujo, Bulgarujo, Ĉehoslovakujo, Danujo, Danzig, Estonujo, Finnlando, Germanujo, Grekujo, Hungarujo, Italujo, Latvujo, Litovujo, Memel-teritorio, Polujo, Rumanujo, Sovjet - Unio, Sudslavio, Svedujo, Svisujo, Turkujo.

**Antaŭkongreso en Stuttgart.**

Por la partoprenontoj de nia karavano, kiuj komencos la karavanan vojaĝon en Stuttgart, la tieaj Esperantistoj intencas aranĝi Antaŭkongreson. Laŭ la provizora programo ĝi komenciĝos la 31an de Julio tagmeze. La forveturo el Stuttgart okazos la 1an de Aŭgusto tagmeze. La programo konsistos el Gvidadoj tra la urbo kaj ĉirkaŭejo (rondveturoj en aŭtomobiloj), Interkonatiĝa Vespero ;31. 7.) kaj eventuale Oficiala Akcepto en la Urbodomo. La apartaj kostoj por la partopreno en la Antaŭkongreso (inklusive de unu tranokto kaj matenmanĝo en bona hotelo) estos 8 RM aŭ 10 Fr. svis. Ĉi tiun sumon la partoprenontoj sendu kune kun la karavanaj kostoj al ni. Baldaŭa sinanonco estas dezirinda. La aliĝanoncojn (ne la kotizon!) oni sendu al S-ro Adolf Drautz, Abelsbergstr., 15, Stuttgart (Germ.)

La Antaŭkongreson povos partopreni karavananoj el jenaj eŭropaj landoj (inter krampoj ni indikas la ĉefajn fervojo-liniojn, sur kiuj Stuttgart estas atingebla):

Aŭstrujo (Wien Linz Salzburg München), Bulgarujo (Sofia Niŝ Beograd Budapest Wien München), Ĉehoslovakujo (Praha Eger München),

Germanujo (sude, oriente kaj okcidente de Stuttgart), Grekujo (Athen Saloniki Beograd Budapest Wien München), Hungarujo (Budapest Wien München), Italujo (Roma Genova Alessandria Bellinzona Zürich aŭ Bologna Milano Bellinzona Zürich), Rumanujo (Bukareŝti Temesvar Budapest Wien München), Svisujo (tra Basel, Bern, Lindau aŭ Zürich), Turkujo (Konstantinoplo Sofia Beograd Budapest Wien München).

**Antaŭkongreso en Berlin.**

Ankaŭ la Berlin-a Esperantistaro verŝajne aranĝos Antaŭkongreson por tiuj karavananoj, kiuj komencos la vojaĝon en Berlin. Detaloj pri tio sekvos.

**Monsendoj por la Karavano.**

Ĉiujn monsendojn oni adresu al Rudolf Mosse, Esperanto - Fako, Berlin S. W. 19, Jerusalemerstrasse, 46-49. Oni pagu per poŝtmandato, poŝtoĉeko (konto Berlin No 398.62), monbiletoj (en registrita letero) aŭ pere de la banko-korespondantoj, kiujn la firmo Mosse havas en ĉiuj supre cititaj landoj. Liston pri la korespondantoj ni sendos laŭ deziro.

**Rudolf Mosse, Esperanto-Fako**
Berlin S. W. 19, Jerusalemerstrasse, 46-49.

---

# POST ANTVERPENO AL NORVEGUJO

**12-taga vojaĝo je 475.— sv. fr.**

Sabate la 11an de Aŭgusto foriro ŝipe de Antverpeno je la 20a00. — Mar. 14. Alveno en Oslo, frue. — Mer. 15. Vagonare al Fagernes. — Jaŭ. 16. Aŭtomobile kaj boate al Eidsbugaren. — Ven. 17. En Eidsbugaren (inter montoj).. — Dim. 19. Aŭtomobile kaj boate al Lerdal. — Lun. 20. Ŝipe,veturilete kaj aŭtomobile al Gudvangen, Stalheim kaj Voss. — Mar. 21. Vagonare al Bergen (fruete) Foriro ŝipe de Bergen je la 22a00. — Mer. 22. Halto ĉe Stavanger. — Jaŭ. 23. Alveno en Hamburgo vespere.

**9-taga vojaĝo je 455.— sv. fr.**

(Oni mem elektu ne ŝanĝotan daton).

1a tago Foriro vagonare de Antverpeno tra Bruselo - Liége - Köln. — 2a tago Alveno kaj foriro al & de Hamburgo. — 3a tago Alveno en Oslo. — 4a tago en Oslo. — 5a tago Vagonare al Fagernaes. — 6a tago Aŭtomobile al Laerdal. — 7a tago Ŝipe veturilete kaj aŭtomobile al Gudvangen, Stalheim & Voss. — 8a tago Vagonare al Oslo. — 9a tago Vagonare al København.

Aliĝilojn kun precizaj kondiĉoj oni ricevos post poŝtkarta peto ĉe : 1.) Vojaĝoficejo Bennet, Oslo. 2) Rudolf Mosse, Esperanto-Fako, Jerusalemer Strasse 46-49, Berlin S. W. 19.

# BELGA KRONIKO

ANTVERPENO. Sab. la 14an de Jan. la «Verdstelanoj» antaŭiratai, laŭ la kutimo, de la «strabulo» ludanta harmonikon, grupe iris al la Pulĉinela kelo, kie oni ludis «La Tri transkurintojn». Estis vere gajiga vespero pri kiu la Grupanoj certe ankoraŭ ofte babilos.

Sabaton, la 21an, okazis la Ĝenerala Jar-Kunveno. S-ro G. Vermandere ĝin agrabligis per lumbildoj prezentantaj la propagandan filmon de Antverpeno kaj kelkajn amuzajn desegnaĵojn.

Mardon, la 24an, malfermiĝis nova kurso, gvidata en flandra lingvo de F-ino M. Jacobs.

Sabaton la 28an «La Verda Stelo» S. s. p. c. organizis sian jaran festenon en la «Restaurant de la Bourse». Paroladis: Sroj F. Schoofs, O. Van Schoor, P. Kempeneers, kaj M. Jaumotte. Kora kaj sincera gajeco regis dum la tuta vespero dum kiu sin aŭdigis, ĉu pianoludante, ĉu kantante, S-inoj Lucette Faes kaj Germaine Timmermans, kaj F-ino Maria Jacobs, kiuj rikoltis merititajn aplaŭdojn. Intima dancado finigis tiun belan vesperon.

**Antverpena Grupo Esperantista** ekrefunciis. Ĝi jam organizis en la Kuracista societo de Antverpeno paroladon, kiun faris S-ro D-ro P. Kempeneers, la 17an de Februaro en la sidejo de citita societo.

Ĉe la **Komerca Instituto «St-Ignace»** nia amiko Morris De Ketelaere organizas kurson de Esperanto, kiun sekvas 45 lernantoj.

**Baden Powell Belgian Boy Scouts. 24a Trupo-Merxem:** kurso komenciĝis la 11an de Februaro por 12 lernantoj, kiun gvidas S-ro Jos. Van Gulck.

**Urbaj vesperkursoj de Esperanto.** Nia samideano Constant Schroeyers estas nomita profesoro de unu el la oficialaj kursoj organizataj de la urba administracio.

BRAINE-L'ALLEUD. — La loka grupo «Verda Stelo» organizis franclingvan paroladon faritan sukcese de S-ro L. Cogen, la 1 de Februaro en la festsalono de la urbodomo.

BRUSELO. — Lundon 9an de Januaro. — S-ro R. De Leener faris paroladon pri «La geologiaj fenomenoj» antaŭ miksita aŭdantaro enhavanta neesperantistojn, por kiuj nia Samideano resumis sian paroladon franclingve. Estis plej konvinka demonstracio pri la taŭgeco de Esperanto kiel scienca lingvo.

Merkredon 11an de Januaro okazis la inaŭgaracio de la «Universitata Esperantista Grupo» kiun ĉeestis ĉirkaŭ 400 personoj. Nia eminenta Samideano S-ro H. La Fontaine, vicprezidanto de la Senato kaj Nobel' pacpremiito, tiuokaze faris elokventan prelegon pri la Esperanta demando. Bonega kunsido por la disvastiĝo de Esperanto en rondoj, kiuj restis ĝis nun-almenaŭ en Belgujo- iom indiferentaj por nia movado.

Sabaton 14an de Januaro. — S-ro F. De Leener malfermis en «Cercle Polyglotte» Esperantan kurson prod eduko da lernantoj,kiuj plej grandparte aliĝis al la loka grupo. Nia ĉefurbo ŝajnas esti naskiĝloko de tre gravaj grupoj! — Ĉar ili atingis la proponitan celon: donaci al la Brusela grupo du akciojn de B. E. I., la «Verdaj noktuloj» tre lacaj, decidis ekdormi sed antaŭe naskis filinon, kies celo estas nur scienca kaj homama. Jen la deveno de «La amikoj de Glozel». La nova grupo ne havas komitaton sed ĝi estas gvidata de tri prapatroj. La programo estas duobla. — Unue: Serĉoj pri la internacia lingvodemando dum la Glozela pratempo.

Due: Kolekti monon por donaci al «Manneken-Pis» belan verdan stelon. Tiu ceremanio okazos dum «Brusela Esperanto-tago». Tiuj, kiuj interesiĝas pri la lasta afero, bonvolu helpi nin sendante iun moneron al «Prapatraro» zorge de la Esperanto grupo, 3, rue de Ravenstein, Bruselo.

KORTRIJK - (COURTRAI). — La ĵus starigita grupo havis sian 2an kunvenon la 2an de Februaro, ĉeestis 21 personoj.

S-ro Demey kiu gvidis antaŭ la milito la lokon movadon kaj dum milito la movadon inter militkaptitoj en Holando, multe entuziasmigis la aŭskultantaron per interesa parolado.

Aro da esperantaj prospektoj, ricevitaj pere de la «Antverpena Komitato por internacia komerca lingvo» plene konvinkis la ĉeestantojn pri taŭgeco kaj disvastigeco de nia lingvo.

Siaflanke, S-ro Louis Génin, suboficiro en aerveturado de Wevelghem apud Kortrijk, plej sindoneme, klopodas enkonduki Esperanton en siaj rondoj kaj li jam akiris tre kuraĝigan rezultaton.

La ĉeesto al kurso ĉe skolta grupo ankaŭ estas bona.

LIERO. — La grupo malfermis kurson por 20 lernantoj, sub la lerta gvidado de S-ro Const. Schroeyers.

LOKEREN. — Nia Antverpena amiko S-ro Nic. Van Winge entreprenis agadon por Esperanto en tiu industria urbeto. Ni deziras al li persistan laboron kaj bonan sukceson.

SANKTA - NIKOLAO. — Okaze de la venonta «Dudeka» la grupo ricevos viziton de finlanda kaj serba Samideanoj jam de nun bonvenontaj. «Al Triumfo» helpas la foirojn,kiuj favoras Esperanton. Ĝi varbis tri vizitantojn por la Leipziga foiro kaj interesulojn por la Lyona. La reklamiloj de tiuj foiroj estas disdonitaj al la negocistoj kaj fabrikantoj. La anoj regule ĉeestas la kurson, bonege gvadatan de S-ro Clippeleir kiu uzas «Ilustritaj Rakontetoj» havebla ĉe B. E. I. kaj konfide rekomendata al ĉiuj grupoj. Dum la nuna jaro «Al Triumfo» festos la kvinjaron datrevenon de sia fondiĝo, per gilda banketo kaj koncerto. Detaloj sekvos baldaŭ.

---

# BELGA GAZETARO KAJ ESPERANTO

Pli kaj pli gazetoj en Belgujo akceptas la komunikojn de nia Gazetara Servo kaj la informojn de niaj lokaj grupoj.

Ni raportas nur pri la plej interesaj publikigoj:

«Le Soir» (21-2): artikolo pri uzo de Esperanto ĉe la policistoj kun la portreto de policano el Graz kaj instigo por ke nia lingvo estu instruata ankaŭ al la Polico de Bruselo.

«Neptune» presigis du artikolojn pri la proksima kongreso de Esperanto en Antverpeno.

«Ons Streven» organo de la Polica societo de Grand-Antverpeno, kun du bonegaj propagandaj artikoloj okaze de la aliĝo de la «Antverpena Polica Grupo Esperantista» al la suprecitita societo.

«De Belgische Tram» organo de la Tramoficista Centralo anoncas starigon de Esperantista Sekcio «Nova Vojo» kaj organizon de 2 paroladoj, 2 kursoj kaj ekspozicion.

«Revue Sténographique Belge, de Januaro kaj Februaro enhavas «Paĝon en Esperanto» redaktitan de nia amiko René J. Haillez.

«L'Elan Sténo-Dactylographique» (22-1) enhavas 4-paĝan klarigon pri Esperanto stenografio bazita sur la sistemo Duployé. La metodo estas elpensita de S-ro R. Haillez. Ni tre rekomendas al niaj samideanoj-stenografistoj havigi al si la koncernan numeron de tiu revuo. Adreso: 28 rue des Glaïeuls, Uccle-Bruselo.

«Na de School» (11-2), ilustrita semajna gazeto por infanoj, publikigas grandan artikolon de Willy de Schutter pri «Kiel Esperanto naskiĝis kaj disvastiĝis», kiu estas la unua de serio de artikoloj aperontaj en tiu bela revuo.

«De Scout» (Januaro kaj Februaro): ĉiu numero enhavas tutpaĝan propagandan artikolon pri Esperanto. La Esperantista Klubo, kies agema sekretario estas nia senlaca amiko J. Van Gulck sukcesis dissendi specialan numeron de «Skolta Heroldo» en flandra kaj alian en franca lingvo al la knabskoltoj en Belgujo.

# FORIRO

S-ro Markizo Adaĉi, Ambasadoro de Japanujo en Bruselo, forlasis Belgujon por reprezenti sian landon en Parizo. Belga Ligo Esperantista esprimis al li sian grandan dankon pro la multvalora helpo, kiun li multfoje donis al la Esperanto-movado. Je la nomo de ĉiuj Belgaj Esperantistoj ĝi prezentis al tiu sincera amiko de Esperanto la plej korajn bondezirojn por lia feliĉo kaj tiu de lia familio.

# NEKROLOGO

S-ino Hansch, patrino de S-ro Hansch, direktoro de la firmo «Hellesens», tiel favora al Esperanto, mortis la 16an de januaro. «Belga Ligo» kaj «Belga Esperantisto» prezentas al S-ro Hansch siajn plejn sincerajn kondoiencajn sentojn.

## SPLENO

Super la mortinta urbo
pendas griza la nebul'; —
forlasita mi min sentas:
larm' perliĝas en l'okul'...

El la turoj de l'preĝejoj
sonas la sonorilad',
verge turmentanta mian
lacan cerbon sen kompat'...

Malrapide iras homo
sur la forlasita voj'...
Al mizera mia koro
dentoskrapas la malĝoj'...

Jan Van Schoor.

## VESPERA KANTETO

La vesper' alproksimiĝas,
silentiĝas sur la mond',
la sanganta suno mortas
ĉe la ora horizont'.

Ho, ne malsanktigu pacan
la silenton, amatin'...
Aŭdu: jen muziko stranga
sur la ter' aŭdigas sin.

Pie klinas mi la kapon...
Ombroj vagas en la rond'...
La vesper' alproksimiĝas,
silentiĝas sur la mond'...

Jan Van Schoor.

---

## LA FLORO KAJ LA BUFO

L. Stratenus.

Kalikon rekte portis, pure
Kaj rave iu bela flor'.
Venenon kraĉis, laŭnature,
Rampante buf' al ĝia kor'.

Floret' demandis ĉagrentone:
«Kial fari do al mi
Doloron?» Ridis buf' malbone:
«Kial estas bela vi?»

---

## LA SAGO

J. Stinissen.

En la ĉiel' per ark',
For de l'rimark',
Leviĝis alte sag';
Kaj kriis dum la ag'
Al birdoj: — kiel vi,
Libere mi,
Jen flugas tra l'aer'. —
«Jes, sed», parolis sturno, ĉarma best' —
«Vi estas tie ĉi per ies gest'
Kaj falas per vi mem al ter'. —»

El la Nederlanda: Tyneverum.

# LA LERNEJO ESTAS LA BILDO DE LA VIVO

Kiam amiko, per sia inteligento kaj per sia diligenteco distingas sin, kiam li estas je l' kapo de sia klaso, kiam li faras honoron al sia lernejo, al sia vilaĝo, vi ne koleradas kontraŭ li, ĉu ne? Ne malŝatu lin! Male! Escepte se li malbonigas siajn sukcesojn per malbona karaktero; escepte se li estas malhumila kaj malestima, vi estimas lin, vi admiras lin, vi estas fiera pri li! Vi ne imagas al vi ke Petro, Jakobo aŭ Paŭlo, ĉar ili bone laboris, vin malhelpis bone labori je via flanko kaj ke, kleriĝante, ili kondamnis vin al nescio. Male! Vi sentas tre bone ke donante al vi la bonan ekzemplon, ili estas utilaj al vi; ke ili stimulis vin, subtenis, helpis eĉ kaj, ke se estus nur mallaboremuloj flanke je vi, kaj ne kapabluloj, vi forlasus vin pli volonte al la malzorgo kaj al la mallaboremo. Ĉefoj de vicoj, kuntrenistoj estas necesaj; kaj oni gajnas ĉiam rilatante kun iu pli bona aŭ pli sciencoplena ol si mem.

«Mi ne estas la rozo», diras mi ne scias kia floro per si mem sen bonodoro, en ia Orienta poeziaĵo, «sed mi estis flanke je la rozo kaj ĉe mi restis io de ĝi».

Tio kio okazas en la lernejo, miaj amikoj, tio okazas en la vivo. Tie ankaŭ estas neegalaĵoj kaj diferencoj. Estas personoj kiuj neniel sukcesas; aliaj kiuj duone sukcesas, aliaj kiuj ĉiel sukcesas kaj pasas antaŭloken.

Unu farigas pli riĉa, alia pli instruita, tria pli fama.

Ili estas la unuaj de la granda socia konkurso. Ĉu ili faras malbonon al tiuj, kiujn ili antaŭen pasas? ĉu ili prenas ilian lokon sub la suno? Ho jes, certe, kaj tre malbele ili agus, se ili trompus ĉe la ludo, se, por riĉiĝi ili ŝtelus kaj ŝteltrompus; se, por akiri reputacion, ili ŝtelus la titolojn de siaj konkurantoj kaj ornamus sin per la plumoj de la pavo; se, por forpuŝi konkuradanton, ili petus helpon de la kalumnio kaj nigrigus kun plezuro honestulon. Tio estas je grande kio okazus inter vi je malgrande, se lernanto por havigi al si premion, kiun li ne meritas, kopius sian taskon, malhelpus sian kamaradon pli fortan en lia laboro.

En la vivo kiel en la lernejo tiuj procedoj estas kulpaj; ili meritas la malestimon kaj, okaze, la punon; kaj estas por tio ke ekzistas polico kaj juĝistaro. Sed kiam la lukto estis honesta, kiam la sukceso estas la atesto, la rekompenco kaj la mezuro de la merito, tiam, miaj karaj amikoj, en la vivo kiel en la lernejo, tiuj kiuj superpasas nin ne malutilas nin; ili servas al ni; tiom pli malbone por ni, se ni ne kapablas tion kompreni, nek profiti.

De Frederic Passy tradukis
G .R. el Ninove.

Artikoleto pri

# PSIKOLOGA INTERPRETO DE LA ŜAKLUDO

La ŝakludo reprezentas ĉiujn aventurojn de la homa vivo.

Ĉiuj homagoj, ĉu ili estas konsciaj aŭ ne, celas la konkiron de la Feliĉo.

La FELIĈO estas stato de trankvileco morala ,la regula kontento de niaj bezonoj kaj de niaj apetitoj, **stato** sen akcidentoj troe prononcitaj. La FELIĈO per sia naturo oscilas nur inter tre mallarĝaj limoj... estas la REĜO kiu havas nur tre malgrandan far- kaj movzonon.

Ĉiu homo havas en si mem personan Feliĉkoncepton kiu senĉese varias kaj estas tre elasta kaj movebla : estas la IDEALO, kiu en la «struggle for life» (la vivbatalo) atakigas nin — aŭ defendas nin en la malfortiĝaj momentoj, estas ankaŭ la REĜINO, kun granda agradio, kiam ŝi atakas aŭ sin defendas.

Por la Feliĉkonkiro, homo uzas diversajn rimedojn : La **ĉiutagaj** agoj, per konservinstinkto inspiritaj,kiuj individue konsideras nur tujan celon, kaj havas ĝenerale konsekvencon, nur per sia daŭra kaj persista ripeto... estas la **soldatoj**.

La **Hazardo,** okazaj cirkonstancoj jen nin helpante, jen nin malhelpante ... estas la **ĉevaloj,** kun iliaj kapricaj saltoj.

La **kutimoj,** nekonsciaj restoj, tute ne rezonitaj, de nia edukado, kiuj nin forpuŝas laŭ **unika direkto,** ... estas la **oficiroj,** kiuj ĉiam restas sur sama koloro, kaj nur foriras per diagonalo.

Fine, ni estas ankoraŭ direktitaj, per niaj grandaj naturmoralaj principoj, kiujn ĉiu homo havas en sia konscienco, kaj al kiuj li, almenaŭ publike, neniam malobeas... estas la **turoj.**

Ĉar du vivkonceptoj ne estas malofte antagonistaj, kaj ĉar la efektivigo de nia Feliĉo estas detruiga de la Feliĉo de la aliaj homoj, per nia naturdevena kaj nedetruebla egoismo, tial la ludo trovas tiel kredeblan filozofian klarigon.

M. J.

---

# LA AERVETURADO KAJ ESPERANTO

La aervetura kompanio Farman pristudis la demandon pri Esperanto en la poŝta aervetur-servo, kaj konsideris ke nur tiu lingvo kapablas forigi la malhelpojn, kiuj rezultas el la lingvodiverseco. Sekve de tio, la Estraro de la Farman-linioj decidis instrui Esperanton al siaj gvidistoj kaj esprimis la deziron, ke la radio-telegrafaj stacioj povu korespondi en la citita lingvo kun ĝiaj aviadiloj. Ĝi atentigas la radio-telegrafistojn pri la graveco kiun prezentas la studo de Esperanto, kaj esperas, ke dank'al ilia kunlaborado la tiom urĝa lingva demando rapide atingos sian solvon.

# DIVERSAJ INFORMOJ

13a Kongreso de la «INTERNACIA KATOLIKA UNUIĜO ESPERANTISTA» en Tilburg (Nederlando), 12-15 Aŭgsuto 1928. — La prezo de la Kongreskarto estas 5 Sv. fr. aŭ egalvaloro. Petu la programon kaj aliajn dezirataĵn informojn de la Sekretario de la Loka Organiza Komitato: S-ro P. Verspeek, Broekhovensche Weg, 100, Tilburg (Nederland). Poŝtĉeko No 136.676.

## INTERRELIGIA KONFERENCO POR LA PACO.

Tiu internacia konferenco okazos en Hago (Nederlando), de la 31 Julio ĝis 2 Aŭg. 1928. Reprezentantoj de diversaj religioj raportos pri la estinta kaj pri la estonta laboro porpaca de la Eklezioj kaj de la ekstereklezioj spiritaj movadoj. Laŭ la ekzemplo de la pasintjara konferenco por Paco per la Lernejo, la paroladoj dirotaj en lingvoj franca, angla, germana kaj nederlanda estos tradukataj nur en Esperanto.

La kongreskotizo estas Ned. Gul. 3.— (Poŝtĝiro 10866 de J. R. G. Isbrücker, Hago); Por la loĝado oni sin anoncu kiel eble plej baldaŭ al S-ino J. C. Isbrücker, Oostduinlaan, 32, Hago.

## INTERNACIA KONGRESO KONTRAŬ ALKOHOLISMO ANTVERPENO (Belgujo) 1928.

Je la fino de Aŭgusto 1928 okazos en Antverpeno Internacia Kongreso antialkoholisma.

Subskribinto faris al la Organiza Komitato jenan proponon:

« Ĉu jam ne urĝas ke la Federacioj, redakcioj kaj ĉiaj organizaĵoj antialkoholaj de la tuta mondo interesiĝu pri la Internacia Lingva demando kaj Esperanto, por faciligi ĉiujn internaciajn rilatojn, per uzado de Esperanto, ne nur dum niaj Kongresoj, sed ankaŭ por niaj korespondajoj kaj niaj bultenoj.

» Kiom da mono kaj tempo ŝpareblaj, kiom da malfacilaĵoj eviteblaj per forigo de tradukoj, temprabaj, malfacilaj kaj multekostaj, kaj ofte erarigaj.

« Kiom pli intimaj fariĝus niaj interrilatoj, pro ilia pli senpera kaj persona karaktero. »

Estas dezirinde ke:

a) Partoprenontoj de la Esperanta Kongreso ankaŭ ĉeestu la Kontraŭalkoholan.

2e) Ke kiom eble plej la samcelanoj jam de nun skribu apogante la proponon kiun ni donas ĉi sube al S-ro Hercod. Avenue du Grammont 7. Lausanne. Svisujo.

Kiu deziras detalojn pri la programo de la Kongreso skribu al: Hendrix Victor, Ruststraat, 52, Ukkel apud Bruselo. Belgujo.

HISPANA ESPERANTO-ASOCIO organizas la 7an Hispanan Kongreson de Esperanto, kiu okazos en Sevilla de la 5a ĝis la 9a de Novembro 1928. Samtempe ĝi organizas la **Unuan Internacian Literaturan konkurson de Esperanto** kun jenaj temoj:

Ia. — Kanto al la Majstro, Dro Zamenhof.

IIa. — Kanto al la internacia helpa lingvo Esperanto.

IIIa. — Kanto al la interna ideo de Esperanto.

IVa. — Va. — kaj VIa. — Ĉi tiuj tri temoj estos prozaĵoj laŭ kiel eble plej simpla Zamenhofa stilo, pri la samaj tri antaŭaj temoj.

VIIa. — Projekto pri kiel eble plej simpla organizado de la Tutmonda Esperantistaro sur la bazo de Universala Esperanto-Asocio, unuigante reale la Esperantistojn, simpligante la kotizaron, enkalkulante en ĝin la naciajn Asociojn kvazaŭ aŭtonomajn elementojn de tutmonda ŝtato, kaj ĉiajn profesiajn Asociojn kiel teknikajn fakojn.

Petu programon kaj kondiĉojn de Martinez, Sekretario-Kasisto de la Organizanta Komitato, strato Sevilla (Hispanujo).

---

ALVOKO POR LA 16aj INTERNACIAJ FLORAJ LUDOJ, kies solena festo okazos kun la 15a Kongreso de Kataluna Esperantista Federacio. Al vi, Esperantaj verkistoj, inspiruloj el ĉiuj landoj, saluton! kaj invitон partopreni la jenajn konkursojn:

Originalaj tekstoj: 1. Versaĵo kantanta Amon. II. Proza Ama verkaĵo.

Tradukitaj tekstoj: I. Esperantigo de la kataluna versaĵo: «Vora el Baranc dels algadins». II. Esperantigo de la kataluna prozaĵo: «El Punt de Dolçor».

Eksterordinaraj premioj ĝenerale konsistantaj el 50 kaj 100 pesetoj, aljuĝotaj al pri libervola temo plej bonaj Versaj originaloj, prozaj originaloj, versaj tradukoj, prozaj tradukoj, didaktikaj verkoj.

Ni petas ĉiujn societojn kaj privatulojn bonvolajn, tuj anonci al ni siajn premiojn kaj temojn por la proksimaj Floraj Ludoj.

Inspiriĝu kaj verku por la gloro de nia Literaturo!

Lasta templimo por alveno de manuskriptoj: 15 Majo 1928.

Aliajn informojn kaj kondiĉojn petu de la sekretario de la Floraj Ludoj, carre Valencia, 245, Barcelona.

TUTMONDA PRESA LIGO. — ALVOKO. — Jurnalistoj, redaktoroj, verkistoj kaj gazetfakuloj aliĝu al la Tutmonda Presa Ligo.

Sendu artikolojn pri politikaj, sciencaj kaj belestristikaj aferoj al la ĉi-subskribanta centralejo.

Vi reciproke ricevos de ĝi materialon el la tuta mondo kiun vi prezentu al la gazetoj de via lando. Vi servos per tio al nia movado kaj al la alproksimigo de la popoloj kaj povas gajni monon per gazethonorarioj.

Do helpu fondi nian Presan Servon.

Por ricevi detalan planon pri la organizo, skribu al: F. W. Mischke, redaktoro, Radeberg, apud Dresden (Germanujo).

LA INTERNACIA FOIRO DE LYON entreprenas tre seriozan propagandon per Esperanto. Ĝi organizas du Esperanto-Tagojn, la 17. kaj 18. de Marto. La ĝis nun ricevitaj respondoj permesas plej bonajn esper-

ojn pri la sukceso de tiuj Esperanto-Tagoj, kiuj estos valora elmontro de la praktika uzo de Esperanto antaŭ la 4.000 industriistoj tie kunigitaj. La Foira komitato ankaŭ eldonis en Esperanto: afiŝon, broŝuron, sorbopaperon, poŝtkartojn, kiujn ĝi dissendis al la Esperantistoj.

CENTRA ESPERANTO LIBREJO. — En la jara ĝenerala kunveno de akciuloj de la Anonima Societo «Centra Esperanto Librejo» en Hago (Nederlando), la bilanco, perdo- kaj gajnokonto estis aprobitaj kaj la dividendo fiksito je 6 % (antaŭan jaron 5 1/2 %). Kiel komisaro estis reelektita S-ro J. Ravenstein Jr.

---

## DEZIRAS KORESPONDI

F-ino J. De Buyser. Krijtstraat 37, Berchem (Antverpeno) Belgujo, 23 jara, deziras korespondi kun eksterlandanoj.

...F-ino Lia Stechern, Heilige Geiststrasse, 116/1, Danzig, deziras korespondi kun junaj fraŭlinoj kaj sinjoroj el Antverpeno.

F-ino Winifred E. Carter, 25 Idle Road, Bradford, Yorkshire (Anglujo), kongresanino No 120, deziras korespondi kun fraŭlino el Antverpeno.

---

## LA HAVENTRAFIKO DE ANTVERPENO EN JANUARO 1928

Alvenis 842 marŝipoj kun entute 2.071.083 tunoj, inter ili 10 velŝipoj kun 1971 tunoj. Laŭ nacieco la ciferoj aspektas jene: 389 anglaj, 172 germanaj, 92 belgaj, 57 nederlandaj, 57 norvegaj, 48 francaj, 33 danaj, 26 svedaj, 20 usonaj, 10 japanaj, 9 finnaj, 8 italaj, 6 brazilaj, 5 hispanaj, 4 portugalaj, k. t. p.

---

## HUMORO

ELREVIĜO. — Sinjoro Pirulo iris al Kongo por gajni monon, sed revenis kiel vera mizerulo.

— Sed kion vi faris tie? demandis al li amiko.

— Ve, mi tenis vestejon en la granda teatro de Matadi, respondis Pirulo, sed ili ĉiam venis tutnudaj!

---

EN LA KLASO. — Iam la instruisto demandis al Joĵo: «Kio estas la plej dolĉa muzikilo?» kaj Joĵo levis la fingron kaj respondis: «sukera fluteto, Sinjoro!»

Instruisto: Kio estas la roso?

Lernanto: La tero tiel rapide turniĝas, ke je la fino ĝi ekŝvitas.

---

Instruisto: Nun, knaboj, vi scias kiel tranĉilo estas farita. Nu, Karolĉjo, diru al mi, kio estas la ĉefa parto de tranĉilo?

Karolĉjo: e—e—e—e

Instruisto. — Nu mi helpos vin. Kian parton de sia tranĉilo via patro uzas plejmulte?

Karolĉjo. — La korktirilon, Sinjoro.

---

FANFARONULO. — La plej altaj societoj malfermas por mi siajn pordojn.

— Jes, por jeti vin eksteren!

---

NEEBLECO. — Gasto: Vidu muŝon en mia glaso!

Hotelestro: Mi ja ne povas pendigi en ĉiu glaso savilon!

---

RESPUBLIKO. — Mia familia rondo estas vera respubliko.

— ? ? ? ?

— Mia edzino estas la Ministro de Internaj Aferoj; mia bopatrino la Ministro de Milito.

— Kaj vi la prezidanto?

— Ne, tio estas mia kuiristino.

— Kio estas do vi?

— La impostpaganto!

---

BRITA SPRITAJO. — Tri aŭtomobilistoj sin prezentas antaŭ juĝisto, kulpigataj pri tro granda rapideco.

— Mi, diras la unua, Anglo, mi apenaŭ veturis je 15 kilometroj hore.

— Mi, Sinjoro juĝisto, diras la dua, mi veturis precize je 6 kilometroj hore.

— Kaj mi, diras la tria, Irlandano, rigardante malŝateme la du aliajn, mi veturis returne!

---

# BIBLIOGRAFIO.

SCHIDLOFF'sZAKWOORDENBOEKESPERANTO-NEDERLANDSCH EN NEDERLANDSCH-ESPERANTO. — Vane la flandraj Esperantistoj atendis dum jaroj la aperon de bona vortaro Esperanto-Nederlanda kaj Nederlanda-Esperanto, kiu, kvankam sufiĉe kompleta, tamen estus akirebla je iom favoraj kondiĉoj. Kaj jen, Belga Esperanto-Instituto, akiris al si la vendrajton por Belgujo de ege taŭga libro, kiun ĝi dank' al sufiĉe grava monofero( kaj malgraŭ gravaj sendkostoj kaj impostoj kapablas prezenti al la Belga samideanaro je ege favoraj kondiĉoj,nome je malpli ol dudek belgaj frankoj.

La libro pri kiu temas nomiĝas «Schidloff's Zakwoordenboekjes: Esperanto», eldonita de la firmo H. Meulenhoff de Amsterdam, kaj kies verkadon ni ŝuldas al samideano C. L. De Veer, kiu ege zorge ĝin kunmetis.

Lia vortaro enhavas preskaŭ 600 paĝojn de malgranda teksto sur du

kolonoj, kaj citas la vortojn kun tiuj, kiuj devenas de ĉiu radikvorto. Plie tiu vortaro estas precipe rekomendinda, ĉar ĝi enhavas por preskaŭ ĉiuj cititaj vortoj, ampleksan liston de esprimoj kaj frazetoj en kiuj la vorto estas uzata, kun speciala signifo. Tio permesas al ĉiu lernanto trovi la signifon de ĉiuj iom komplikitaj esprimoj kaj ankaŭ traduki mem ĉiujn siajn pensojn.

Ni ankaŭ povas atentigi niajn flandrajn samideanojn pri la fakto, ke la verkisto sin apogis por la kunmeto de la vortlisto de la Nederlanda-Esperanto parto kaj por la traduko en Nederlanda lingvo sur la «Groot Woordenboek der Nederlandsche Taal» de Van Daele, tiel ke la flandrano same kiel la Holandano, retrovas en ĝi siajn apartajn esprimojn,kaj ke tiu eldono same bone taŭgas por niaj provincoj kiel por niaj Nordaj najbaroj.

Diru ni ankoraŭ, ke tiu libro, kiu estas ankaŭ bona lernolibro por komencantoj, aspektas belete enŝovita en grizkolora koverto kun verda surpreso.

Tiuj, kiuj deziras akiri la noveldonitan vortaron mendu ĝin tuj per pago al la poŝtĉekkonto 1689.58 de Belga Esperanto-Instituto. Ambaŭ partoj en unu volumo kostas afrankite 19 frankojn; ĉe rekta aĉeto 18.50 frankojn. Kiel kutime grupoj, profesoroj kaj akciuloj de B. E. I. akiras rabaton de 10 %.

LA INDIVIDUALISMA SOCIALISMO de D-ro Axel Robertson Proschowsky. Verkita de Felix Lagalaure. Eldonis Rasa Virina Klubo, 1bis rue Coutures Saint-Gervais, Paris III. 16 paĝoj 10.5 × 13.5 cm. Prezo nemontrita.

LUMON. 6 paĝa grandformata folio de propagando por rememorigi la 40an datrevenon de la eldono de la unua libro en Esperanto kaj kiel humila homaĝo al la glora kreinto de la internacia lingvo, Majstro Lazaro Ludoviko Zamenhof, eldonita de la Grupo Esperantista «Lumon» de Terrassa, Strato Sant Antoni, 64. (Katalun. Hispanujo). La folio enhavas multajn historiajn kaj propagandajn artikolojn en katalunа lingvo. Krom tio estas portreto de Zamenhof kaj la muziko de la himno «Espero».

DANCU, MARIONETOJ! Novelaro, originale verkita de Julio Baghy. 1927. Eldono de la aŭtoro : Rottenbiller utca 66, em., Budapest VII. 177 paĝoj, 11.5 × 15.5 cm. Prezo: 2.25 ormarkojn.

Krom Preludo la libro enhavas 10 novelojn: Kain kaj Abel, Unu el la kvar, Urugano, La metropolo malsatas, Nur homo, Kiel Mihok instruis angle, Pasero stulta, Tri kamaradoj, La Koro de parenco, Sonĝo de la Morto. — Jen moderna literaturaĵo en Esperanto originale verkita de unu el niaj plej lertaj stilistoj. El lia plumo nia «artefarita» lingvo iĝas vere flua kaj ritmoplena idiomo natura. Tute certe, multaj libroj verkitaj en naciaj lingvoj ne akiras la lingvan belecon kaj elastecon de la nova verko de Baghy.